Aŭstraliaj  Esperantistoj

Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

https://translate.google.com/

PLENUMITA 23/06/2016 Ducentsepdekkvina eldono 23/06/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Estas pli ol **430,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



# Komparo inter la Esperanta infinitivo kaj la anglaj infinitivoj. 2.

En eŭropaj lingvoj la infinitivo konsideratas kiel verboformo kun KAJ verba KAJ substantiva funkcioj en la frazo. Kiel verbo ĝi povas ĉehavi gramatikan objekton kaj adjektojn, sed mankas indikoj de tempo kaj de aganto (subjekto). Kiel substantivo ĝi povas esti subjekto, objekto, adjekto, suplemento, kaj predikativo. En Esperanto samas. Ĉiuj ĉi tiuj lingvoj uzas specialajn finaĵojn por marki la infinitivon. Plej ofte pli ol unu, sed Esperanto havas nur unu finaĵon por ĝi. Ĉar la uzo estas malregula en la etnaj lingvoj, mi ĉi sube komparas la formojn kaj uzojn en Esperanto kun tiuj en la angla lingvo.

Formoj.

En Esperanto ĝi ĉiam portas la finaĵon "-i", kiu finaĵo aldoniĝas al la radiko de la vorto. Antaŭ la infinitiva "-i" la Esperanta radiko povas ĉehavi aliajn verbajn sufiksojn, ekz. manĝi, manĝati, manĝemi, manĝebli, lerninti. Teorie ĉiu radiko, ne nur verbaj, povas fariĝi infinitivo, do verbo, per la simpla aldono al la radiko de "-i", ekz. surmonti kaj marteli.

En la angla la infinitivo ne ricevas specialan finaĵon, sed ĝi preskaŭ ĉiam kunportas antaŭ si la nenion signifantan kvazaŭprepozicion "to" = "al". La aliaj eŭropaj lingvoj rilataj kutime ne havas tian vorteton antaŭ si (sed notu: De payer avant, c'est nécessaire) . Ĉiuj, inkluzive de Esperanto kaj la angla, ofte havas unu el kelkaj prepozicioj antaŭ si, kune tiel formante prepozitivan adjekton aŭ komplementon. Laŭ Zamenhof en Esperanto rajtas regi infinitivon unu el la nur jenaj prepozicioj: por, anstataŭ, krom, inter, sen, kaj kombinaĵo antaŭ ol. Oni renkontas kelkfoje ankaŭ dum kaj malgraŭ kaj post ol. Sed logike ne estas tialo por ne uzi aliajn aŭ ĉiujn prepoziciojn, kiel en "Li parolis pri ferii en Manilo en Pilipinujo. Jen ekzemploj: Ŝi venis por manĝi; Elle est venue pour manger; Sie kam um zu essen; Zij kwam om te eten. Notu ke kelkfoje la prepozicio ne ĉeestas: Elle vient manger; Sie kam essen. Ankaŭ en ĉi tiu kazo la infinitivo estas adjekto.

Infinitivo ne povas difinati de adjektivo, escepte se ĝi estas predikativo: Naĝi nuda plaĉas al mi; Ankaŭ ŝi ŝatas naĝi nuda. Do neniam diru Naĝi rapida, k.t.p.

Nur en la angla la infinitivo havas kelkfoje la formon de prezenca participo: I prefer staying home to-night. Notu ke ĉi tie "staying" ne estas substantivo, gerundo, sed participforma infinitivo, kontraŭe al en "I prefer walking to cycling", kaj "He likes singing". En Esperanto tia angla "gerund" tradukiĝas al infinitivo aŭ al substantivo, laŭplaĉe (la kantadon).

La Funkcioj.

La funkcioj estas pluraj, ĉar ĝi uzeblas kiel verbo kaj kiel substantivo, same kiel en la etnaj lingvoj. Kiel verbo ĝi povas ĉehavi dependantajn objekton gramatikan, adjekton, kaj adverbon. Jen ekzemploj de la funkcioj:

1) Subjekto: Naĝi estas bona por la sano. Vojaĝi en la somero al Tasmanio estas mirinda.
2) Objekto: Mi tre ametas naĝi. Ŝi deziras sporti kiel hobion.
3) Adjekto: Li iris naĝi. Ŝi persistas retroveni.
4) Subjekta Predikativo: Ami estas morti iomete. La celo estas resti unu semajnon.
5) Objekta Predikativo: Mi sendis lin ripozi en la domo. Ŝi sentis sin fali.
6) Suplemento: La permeso flugi trans la landon. La deziro venki la malamikon.
7) Prepozitiva Adjekto: Ŝi venis por piedpilkludi. Ŝi ripozas anstataŭ sporti.
8) En mallongigoj: Ĉu foriri jam? Certe ne. Kial ne helpi ilin?

Marcel Leereveld.

# La Internacia Esperanto-Sumoo

(**Sumoo** estas japana tradicia lukto. Ĉiun jaron okazas 6 konkursoj en neparaj monatoj: januaro, marto, majo, julio, septembro, kaj novembro. Unu konkurso daŭros 15 tagojn)

Ekde la 3a de julio, komenciĝos la julia sumoo ĝis la 10a de julio. (8 tagoj pro okupiteco de multaj esperantistoj en somero)

Mi atendas vian aliĝon.

Por scii pli pri sumoo, vi vizitu la subajn retejojn:

Nia retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

Sumoo en Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

HORI Jasuo (s-ro) 371-0825 Japanio, Gunma, Maebasi, Ootone 2-13-3
<hori-zonto@water.sannet.ne.jp>



**3ZZZ** Kiel kutime en Julio kaj Aŭgusto ni disaŭdigos verkon originale verkitan en Esperanto. Ĉijare vi aŭdos tri novelojn: la muso, la problemoj de Hemi kaj taso da teo el la novelaro la Nova Butikisto de Nukugaia de Bertram Potts.



Kvankam Bertram Potts naskiĝis en Anglujo, li estas konata kiel novzelanda esperantisto. Vi aŭdos ankaŭ informojn pri li danke al Erin Mac Gifford, kiu sendis la nekrologon de Bertram Potts. Se vi ŝatis tiujn tri novelojn, vi povos akiri la tutan novelaron aŭ de via loka biblioteko aŭ de iu libroservo. Vi aŭdos la voĉojn de Joanne kaj Peter Johns, Heather Heldzingen, Tristan Mac Leay kaj Franciska Toubale Dezirante al vi agrablan aŭskultadon,

La kunvokanto por la Esperanto-grupo en 3ZZZ Franciska Toubale

# Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

## Mondo-mapo pri esperantistoj




Lastatempe mi kreis la retejon http://esperantujo.directory/ – ĝi estas simpla mondmapo de esperantistoj. Mi kreis ĝin por montri ke estas esperantistoj ĉie en la mondo, kaj ke Esperanto ja estas vivanta lingvo.
Do, bonvolu registriĝi, alŝuti foton pri vi, kaj ni plenigu ĝin kun amikaj vizaĝoj. Espereble ĝi helpos novajn esperantistojn trovi sin reciproke.
Martin Rue *[En la FB-grupo "Esperanto"]*

*Ndlr: La mapo povas esti impresa ilo por montri kaj pruvi la realan disvastiĝon de Esperanto-parolantoj. Por tio estas necese, ke registriĝu esperantistoj ankaŭ el malgrandaj, foraj kaj neeŭropaj landoj. Dankojn pro via eventuala helpo en tiu tereno. - L.S.*

*Fonto: Ret-Info, LS*






**La 6 ĉapeloj de Edward De Bono Kiel pli efike diskuti dum kunvenoj? Kiel pli bone pensi?**

Published on Jun 20, 2016 Mi verkis tiun artikolon por la revuo Mirmekobo. Nun mi decidis fari filmeton kun mia teksto.
https://www.youtube.com/watch?v=Sf_eEz2E9kc Amike,..Nicole Else

## L a s t r e k e t o .



Responde al Franciska: La streketo, kiun P.A.G. nomas la dividstreko, estas unu el la interpunkcioj. Zamenhof diris, ke la uzo de la interpunkcioj estas malgrava, kaj ke la Esp.istoj simple decidu mem aŭ sekvu la kutimojn de sia etna lingvo. Li mem uzis la streketon en pluraj malsimilaj kazoj. Sed mi trovas konsilinda, redukti ilian uzon al kelkaj similfunkciaj kazoj.

Unu kazo malfacile kaj malnecese ŝanĝebla estas por rompi vorton ĉe la fino de linio. Z.hof diris, ke teorie oni rajtas rompi en tia kazo la vorton ie ajn, ekz. eĉ "aparteni- s .....", sed ke oni provu fari la rompon inter klaraj partoj. Do "blan- ka" kaj "fin- celo".

Alia kazo estas uzi la streketon en (nur) lernolibroj kaj lecionoj por montri al lernantoj la diversajn gramatikajn partojn, ekz. "blank-a" kaj "mal-hel-verd-a". Normala literaturo ne bezonas ĝin tie, kaj pro mikso kun la sekvanta estas evitinda. Konsilinda estas en ĉi tiu kazo uzi, se iel necesa, alian signon, ekz. la klinstrekon: mal/fort/a, aŭ la apostrofon.

Tria kazo certe reteninda estas la senescepta uzo inter du sendependaj partoj de gramatike egalvaloraj elementoj de vortkombinaĵo, kiel en franc-angla vortaro kaj en unu-du monatojn kaj en la sekretario(jn)-kasisto(jn). La streketo en ĉi tia kazo signifas "plus" aŭ "aŭ".

En kvara kazo ĝi kelkfoje uzatas por indiki forlasitajn literojn, kiel en s-rino kaj Esp-isto. Tre konsilinda estas ĉiam uzi por tio la ankaŭ en ekz. k.t.p. uzatan punkton: s.rino.

En kvina kazo ĝi uzatas , bonsense, inter ne-esperanta nomo kaj esperanta. Pli logika estus tie la apostrofo: la Fundament'eco; la por'Trump'a agado. Oni tie renkontas ankaŭ la same nekonsilindan punkton.

Fine oni trovas ĝin en la malofta kazo de aglutina flankelementa sufikso: an-elekto; il-riparo.

Ĝuu!

Marcel Leereveld.



# Lingva Festivalo ĉe Adelajdo



Kara Roger,

Prepare al la ĉijara Lingva Festivalo en la lernejo, kie instruas Sandor Horvath, necesas elekti reprezentantojn de diversaj lingvoj, kiuj pretas fari la duonhoran prezentaĵon. Por paroli pri Esperanto sen fakte koni ĝin jesis ĉindevena studentino Min Lin. La 18-an de Junio ŝi kaj Sandor venis al la E-lecionoj ĉe ge-Steeleoj kaj faris provprezentaĵon al la aliaj ĉeestantoj. Estis interese por ambaŭ flankoj.

Katja Steele

foto 1: Min Lin, Madelene Carney, Sandor Horvath

foto 2: parto de la publiko





# Esperanta kultura festivalo okazos en Kroatio



Venontjare la Universala Kongreso okazos en Koreio, sed alia kongreso la Esperanta kultura festivalo okazos en Kroatio. Eble iuj aŭstralianoj ja deziros viziti Eŭropon venontjare. Mi aldonas la unuan informilon. Amike, Nicole

## KOTIZTABELO

| Aliĝperiodo | Ĝis la fino de 2016 | Ĝis 31. 03. 2017 |
|---|---|---|
| A-landoj (en eŭroj) | 30 | 40 |
| B-landoj (en eŭroj) | 20 | 27 |
| Kroatoj (en kunaoj) | 150 | 200 |
| Taga bileto (en kunaoj) | 40 | 40 |
| Rabatita kotizo | 50% | 50% |

| Aliĝperiodo | Ĝis 30. 06. 2017 | Post 30. 06. 2017 |
|---|---|---|
| A-landoj (en eŭroj) | 45 | 50 |
| B-landoj (en eŭroj) | 30 | 33 |
| Kroatoj (en kunaoj) | 225 | 250 |
| Taga bileto (en kunaoj) | 40 | 40 |
| Rabatita kotizo | 50% | 50% |

**A-landoj:** Ĉiuj landoj escepte de tiuj menciitaj sub B.

**B-landoj:** Ekssocialismaj landoj de orienta Eŭropo, landoj de Latinameriko, Afriko kaj Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko).

**Taga bileto:** partatempa partopreno dum nur unu aŭ du tagoj.

**Rabatita kotizo:** por gejunuloj ĝis 25-jaraj, handikapuloj kaj familianoj.

**Kotizojn en eŭroj prefere pagu al UEA-konto de Bjelovara Esperantista Societo: bjes-e. Se vi pagas pere de banko, nepre pagu ĉiujn bankkostojn!**

Kroatoj bonvolu pagi en kunaoj al banka konto de Društvo esperantista Bjelovara, **HR1224020061100615259**

**Aliĝkotizo inkluzivas nenian asekuron.** Pri vojaĝ-, san- kaj aliaj specoj de asekuro, ĉiu aliĝinto mem zorgu.

**Aliĝkotizo ne inkluzivas vizkostojn.** Se vi bezonas vizon, bonvolu mem peti ĝin ĉe diplomatiaj instancoj de Kroatio. La Loka Festivala Komitato povas doni nenian garantion por vizpetantoj.

**Aliĝkotizo ne inkluzivas loĝadon, manĝadon, ekskurso-kostojn aŭ aliajn nemenciitajn kostojn.** Informojn pri mendo de disponeblaj servoj ĉiu aliĝinto ricevos en la dua bulteno. Rilate specialajn bezonojn aŭ informojn turnu vin rekte al la Loka Festivala Komitato: **esperanto.bjelovar@gmail.com**

**Aliĝkotizo ne estas repagebla, sed estas transdonebla al alia persono.** Se ekzistas diferenco en la aliĝkategorio aŭ aliĝperiodo la mondiferenco estas aparte pagenda.




### LA ORGANIZANTOJ




Bjelovara Esperantista Societo




Dokumenta Esperanto-Centro Đurđevac



Unuiĝo de Prelegantoj de Esperanto - Zagrebo



Unuiĝo de Zagrebaj Esperantistoj



**DEPARTEMENTO BJELOVAR-BILOGORA**
**kaj**



**URBO BJELOVAR**

**KONTAKTO:**
**esperanto.bjelovar@gmail.com**

## UNUA BULTENO

# ·KULTURA· ·KUNFANDIĜO· ·DE· ·LA· ·MULTETNA· ·EŬROPO·




**6-a – 12-a de aŭgusto 2017**

# NOVTIPA· ESPERANTA· KULTURA· FESTIVALO·

**INTER-FEST** celas fariĝi rekonata eŭropa Esperanto-aranĝo kun vasta gamo de programoj, kiuj al ne-esperantista medio prezentos praktikan uzeblon de Esperanto kaj pere de tio instigos ĝian lernadon kaj instruadon.

**INTER-FEST** volas kuraĝigi la Esperantan kulturkreadon kaj levi la prestiĝon de Esperanto en la kultura kampo.

**La programoj de INTER-FEST** inkluzivos diversajn branĉojn de literaturo, teatro, muziko, filmo, sporto, klerigo, lingvolernado, interkultura interŝanĝo, turismo kaj aliaj aktivecoj, kiuj efektiviĝos per prelegoj, diskutrondoj, seminarioj, koncertoj, prezentajoj, konkursoj, sportaj eventoj, kolokvoj, ekspozicioj k.t.p.



### LA LOKO

**La 1-a INTER-FEST** okazos en Bjelovar (Kroatio), 90 kilometrojn nord-oriente de Zagrebo, la ĉefurbo de Kroatio, de kie la festivala urbo facile atingeblas buse, trajne kaj aŭtomobile. Bjelovar, la urbo kun 42.000 loĝantoj, estas sidejo de la Departemento Bjelovar-Bilogora kaj loko kun forta tradicio de Esperanto ekde 1909.

### TURISMA OFERTO

**La 1-a INTER-FEST** okazos en la jaro **2017**, kiam la ĉefaj Esperantaj aranĝoj funkcios ekster Eŭropo. La Festivalo havas fortan subtenon de lokaj kaj regionaj aŭtoritatoj. Ĝi ofertos al vi diversajn aliĝ- kaj loĝkategoriojn je favoraj prezoj. Kroatio troviĝas en la pinto de eŭropa turismo kun multegaj variaj vidindaĵoj, el kiuj multajn vi povos viziti dum la ekskursaj tagoj aŭ dum antaŭ- kaj post-festivalaj vizitoj.

**INTER-FEST** disponigos al vi loĝadon en hotela kaj hostela kategorioj, en la novkonstruita kaj komforta studenta hejmo, privataj apartamentoj kaj (por gejunuloj) en preskaŭ senpaga amasloĝejo.

El la ekskurslokoj **INTER-FEST** proponas al vi:

- plurajn ekskursojn en la regiono de Bjelovar kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, konata kiel hejmo de pli ol 20 nacioj!,
- tuttagan ekskuron al la regiono de Zagorje (norde de Zagrebo) kun la plej fama katolika pilgrimejo Marija Bistrica, la plej fama kastelo Trakošćan, la etnovilaĝo Kumrovec, la baroka urbo Varaždin, la trovejo de neandertala homo en Krapina kaj pluraj termalbanejoj,
- tuttagan ekskurson al la regiono de Zagrebo, spurante la vojojn de la Esperanta poeto Nikolao Hohlov, kiu en Zagrebo verkis sian poemaron "La Tajdo", vizitante ankaŭ plurajn ZEO-jn en la urbo!,
- viziton al la Nacia parko "Lagoj de Plitvice",
- la antaŭ – aŭ post-festivalan feriadon sur la bordo de Adriatiko k.t.p.

## ALIĜILO
**por la 1-a INTER-FEST**
**Bjelovar (Kroatio), 06-12/08/2017**

Persona nomo ____

Familia nomo ____

☐ Ino ☐ Viro

Naskiĝdato ____

Lando ____

Urbo kaj poŝkodo ____

Loĝadreso ____

Retpoŝta adreso ____

Kontakt-telefono ____

Ĉu vi konsentas, ke via adreso aperu en publika listo de aliĝintoj? ☐ Jes ☐ Ne

Mi aliĝas kiel:
A-landano ☐ B-landano ☐ Kroato ☐ Junulo/handikapulo ☐ Famili-ano ☐

Mi komprenas, ke la aliĝo validas nur post pago de kompleta kotizo.

Mi donacas al la Loka Festivala Komitato (€) ____

La tutan sumon (€) ____ mi pagas:

☐ al konto de Bjelovara Esperantista Societo ĉe UEA: **bjes-e**, indikante **"kotizo por INTER-FEST2017"**

☐ al konto de Bjelovara Esperantista Societo en eŭroj ĉe Erste & Steiermarkische banko, **IBAN: HR 1224020061100615259**
**Se vi pagas pere de banko, nepre pagu ĉiujn bankkostojn!**

☐ **(NUR POR KROATOJ!)** al konto de Bjelovara Esperantista Societo en kunaoj ĉe Erste & Steiermarkische banko,
**IBAN: HR 1224020061100615259**

☐ Alimaniere ____

Dato ____ Subskribo ____

**Plenigitan aliĝilon aŭ ĝian skanaĵon sendu al:**
**Bjelovara Esperantista Societo**
**V. Mačeka 14, HR-43000 Bjelovar, Kroatio**
**esperanto.bjelovar@gmail.com**

# Ju malpli vi laboras, des pli vi gajnas



Fine alproksimiĝas la longe atendata dato, kiam la aŭstralia popolo havos la ŝancon akiri por la sklave laboranta klaso iom da longe meritata justeco.

Jam tro longe, eĉ longege, beboj, infanoj, gejunuloj, plenkreskuloj, laboristoj, senlaboruloj, maljunuloj, invalidoj kaj malsanuloj suferas pro la nesatigebla superklaso kaj ĝiaj teruraj postuloj.

Ŝajnas esti fakto, ke tiu superklaso, jes superklaso ekzistas kaj troviĝas, bedaŭrinde ankaŭ en Aŭstralio, malgraŭ ĝiaj konstantaj mensogoj pri egaleco ktp. Por diri la veron, ĝi pensas nur pri si kaj siaj. Kompreneble ne mankas al ĝi mono. Ĝi, ni ĉiuj scias tion, ĉu ne, ne laboras, eĉ ne laboretas, sed tamen ne mankas al ĝi mono. Ĝi simple ŝtelas kion ajn, kion ĝi bezonas aŭ avidas, de la malsupera klaso de aŭstralianoj. Tio estas klare videbla.

La laboristoj fariĝas tagon post tago pli kaj pli malriĉaj, dum la superklasanoj fariĝas ĉiame pli kaj pli riĉegaj. Kaj nun la preskaŭ blindaj aŭstraliaj civitanoj devas pagi ĉirkaŭ kvin kaj ses mil dolarojn, se ili deziras regajni sian vidpovon. Se ili pagos tiom, iliaj okuloj estos operaciataj dum la pasado de proksimume dek kvin minutoj, kaj ili bezonas atendi nur du semajnojn. Se ili ne havas tiom da mono, kaj kiu subklasano havas tiom da mono hodiaŭ, dum regas tiu terura diktaturo, sub kiu ni momente suferas? ili devas atendi unu ĝis kvin jarojn. Tiam ilia operacio okazos en ŝtata malsanulejo, ĉar laŭ la superklasanoj ili ne meritas esti operaciataj en privataj malsanulejoj. Tiom pri la mensogo pri egaleco, ĉu ne?

Pensu nur pri tiuj, kiuj laboras en malpuregaj, bruegaj kaj danĝeraj fifabrikaĉoj. Ĉu estas sanige labori tie? Tion mi dubas! Ĉu oni perlaboras multe pli da mono, se oni laboras tie? Mi certas ke ne! Multaj honestaj laboristoj perdis fingrojn, jes eĉ manojn laborante je tiuj maŝinoj, kiuj fakte ne devus troviĝi en tiuj malpuregaj, bruegaj kaj danĝeraj por la sano, fifabrikaĉoj. Tiuj, tiel nomataj maŝinoj, sendube sentus sin pli hejme en iu prahistoria muzeo, ĉu ne? Sed la superklasulo, kiu posedas la malpuregan, bruegan kaj danĝeran fifabrikaĉon, ne volis pagi pli multe ol li pagis, do li ricevis siajn, por la sano tre danĝeraj, maŝinojn malmultekoste !

Sub subhomaj kondiĉoj laboras honestuloj en la malpuraj, bruegaj kaj por la sano ege danĝeraj fifabrikaĉoj. Sed la superklasuloj sidas ne en la fifabrikaĉo, sed en modernaj oficejoj kun elektra lumo kaj klimatiziloj. Multaj el ili havas tapiŝojn sur la planko.

Estas vere, ke tie sidas ankaŭ kelkaj membroj de la malsupera klaso, la plej multaj el tiuj estas virinoj. Ili ja plibeligas la oficejojn.

Kaj, se li entute estas proksime de la malpura, bruega kaj por la sano treege danĝera fifabrikaĉo, la direktoro, posedanto aŭ kio oni nomas sklavmastron nuntempe, sidas legante la tagĵurnalon, aŭ rigardas frenezaĵojn en la televido. Tion li faras proksimume du aŭ tri horojn dum lia sekretariino preskaŭ konstante alportas al li unu tason da kafo post la alia, aŭ plej verŝajne glason da vino, viskio aŭ vodko. Ĉion trinkinte, pardonu ‘drinkinte’, li foriras el sia oficejo, ĉar nun li estas ege laca, eĉ lacega, kaj bezonas pensi pri io alia. Li transiras la straton kaj eniras la plej multekostan kaj luksan restoracion en la urbo. Tie li sidigas sin. Venas ĉefkelnero kiu prizorgas lin per multekostaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. Tri aŭ kvar horojn poste li decidas, ke pli bone estus, se li reirus al siaj devoj kaj laboroj. Li do reiras al sia oficejo, kie lia sekretariino priservas lin per pli da kafo kaj aliaj trinkaĵoj malbonaj por lia sano, fiaĵoj !

Dume kelkaj aliaj laboristoj perdas fingrojn kaj tutajn manojn laboregante je la fimaŝinaĉoj. Ĉu vi supozas, ke tiuj kompatinduloj ricevos kompencon aŭ iun ajn helpon de la superklasanoj?

Kompreneble ne! La superklasanoj bezonas ĉiun moneron, kiun ili povas laŭleĝe ŝteli. Ili bezonas monon ne nur por sia propra amo al luksaĵoj, sed ankaŭ por sia nesatigebla amo al militoj, kiujn ili mem ne kuraĝas partopreni, ili nur ludas, sed ili ludas per la vivoj de niaj multaj senlaboraj virinoj kaj viroj, kaj eĉ per tiuj, kiuj havas laboron. Kiam ĉiuj tiuj geviroj estos mortigitaj de la tiel nomata 'malamiko', kaj la milito estos finita, la superklasanoj festos sian venkon ne trinkante, sed drinkante bieron, vinon, viskion kaj vodkon, kaj gloras sin mem heroojn!

Hipokrite ili diras kelkajn vortojn pri tiuj, kiuj perdis sian vivon, sed la postrestantaj edzinoj, aŭ edzoj, ricevos eĉ ne unu pencon, ĉar nun la lando estas tro malriĉa pro la ĵus finita fimilitaĉo, kiu eĉ tre plaĉis al la superklasanoj. La subklasanoj devas lerni kompreni tion !

Nun vi do scias, ke ordinaraj, aŭ kiel la superklasanoj preferas nomi nin, 'simplaj' laboristoj, nenion gajnas forte laborante. Nur tiu mallaborema superfluulo sidanta en sia oficejo kun sia sekretariino, gajnas ĉion, kio vere kaj fakte apartenas al la laboristo en la fifabrikaĉo.

Se vi do volas, ke Aŭstralio progresu, memoru ne voĉdoni por iu ajn el tiuj riĉegaj mallaboremuloj !!!

Sed, se vi hazarde apartenas al tiu dubinda klaso, ni ja ne bezonas konsili vin, vi bone scias kion fari. Sed mi avertas vin. Vi suferos pro malbona konscienco la ceteran parton de via surtera vivo. Kaj kiu scias, kio sekvos ???

Ju malpli vi laboras, des pli vi gajnas. Sed ju pli vi laboras, de malpli vi gajnas! Sed via konscienco restos bona, eĉ bonega !!!

Bob Felby



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

La klubo kunvenis Sabaton 18an Junio. Venis Roger, John, Eunice, Chris kaj Jano. Pluvis sed kiel kutime la kunveneto estis bona. Roger Springer



# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO



**143 Lawson Strato, Redfern.**

## La 3a Nokta Kunveno ĉe Esperanto-Domo kun muziko, pico kaj amikoj



La tria okazos la 25an de Junio, Sabaton, 6ptm, nokto kun amikoj, ktp.

*Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio*

## KIAM, KIE, KIO OKAZAS? - INTERNACIA KALENDARO

pri Esperanto-renkontiĝoj, kongresoj, festivaloj!

kiuj akceptas vojaĝantajn esperantistojn kiel partoprenantojn.




- **Vojaĝu** al Esperanta renkontiĝo! Serĉu kaj trovu simpatian aranĝon, kun datoj, nomoj, mallonga priskribo, reteja adreso, ktp!
- **Se mankas iu aranĝo,** anoncu kaj registru ĝin senpage!
- **Diskonigu, reklamu** la Kalendaron al viaj Esperantistaj amikoj

## Jubileo – 20 laborjaroj!

La Internacia Kalendaro ĉijare festas sian 20-an jubileon. Ĝi estis komencita en 1996 kiel memstara rubriko en la gazeto "Eventoj", kaj ekde tiam ĝi aperas seninterrompe, jam 20 jarojn. La Kalendaron funkciigas teamo de la Esperanto-Centro "Eventoj" en Budapeŝto.

**Adreso de la Internacia Esperanto-Kalendaro:** http://www.eventoj.hu/kalendaro.htm

Se vi ŝatus esti kunlabora membro en nia teamo, kontaktu nin: *Szilvási László, szilvasi@eventoj.hu*

Bonan vojaĝon, agrablajn travivaĵojn!

# Eŭrovido 2003 Polujo (fr-en-eo)

Mi dankas vin pro via artikoleto pri mi je http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/AE-223.pdf kaj informas vin pri la jeno.
Samideane, Francis Soghomonian

Saluton,

Mi plezure anoncas al vi ke la pola grupo Ich Troje registris mian franc-angl-esperantan version

"Plus de frontières, no more borders" de la kanto

"Keine Grenzen, żadnych granic"

per kiu ili reprezentis Polujon en la E

Eŭrovida Kanzona Konkurso 2003 en la originala german-pol-rusa versio, kaj ke ĝi estis inkluzivita en ilia plej freŝa albumo
"Remixed/Nierdzewny" publikigita la 10an de Junio 2016 !
http://www.warnermusic.pl/album/remixed-nierdzewny-jze7 (CD2)
http://michalwisniewski.eu/pl/p/REMIXED-NIERDZEWNY/133
http://fsoghomonian.blogspot.fr/2015/08/plus-de-frontieres-no-more-borders.html (lirikoj)
La aŭtoroj de la originala versio estas :
Michał Wiśniewski & Jacek Łągwa & Joachim Horn-Bernges & André Franke.
Ich Troje estas, laŭ mia scio, la unuaj Eŭrovidaj artistoj registrantaj (kaj surmerkatigantaj) version (parte) en Esperanto de la kanzono per kiu ili konkuris !
Francis Soghomonian
https://fr.linkedin.com/in/fsoghomonian/en